


FEBRUARO 1958

JARO 10a

Nro 3

Sekretariejo: Orteliusstraat 108''', Amsterdam - Redaktejo: von Liebigweg 26, Amsterdam Nederlando

## AARHUS — La venonta kongresurbo

La urbo Aarhus estas tre aĝa. Jam en la pli malnova ŝtonaĝo loĝis homoj sur tiu loko, kie nun Aarhus kuŝas, kaj en la jaro 948 la urbo fariĝis episkopejo. Do, la urbo estas aĝa — tamen ĝi nun estas granda kaj moderna urbo. La haveno (1861) kaj la fervojo (1862) donis al Aarhus eblecojn koncerne la industrion kaj komercon. Nun ĝi estas la dua urbo laŭ grando en Danio kaj havas ĉ. 165.000 loĝantojn. Ĝi estas granda industriurbo kun multaj fabrikoj. La industrio estas vigla kaj daŭre progesanta.



Unu el la multaj novaj konstruaĵoj en la urbo estas la urbdomo. Ĝi estas granda komplekso kaj ege moderne konstruita, ĝi havas 60 metrojn alta kaj tre strangan turon. Sur la urbdomplaco oni vidas la faman skulptaĵon de Mogens Bøggild „La porkpuŭon".

Ankaŭ la universitato estas nova, kaj konstruita en moderna stilo. Ĝi estas konstruita preskaŭ tute per danaj materialoj. La lastan parton, la ĉefdomo de la universitato, oni inaŭguris en septembro 1946. La universitato estas kuŝanta en belega parko. Mi forte rekomendas al la gekongresanoj viziti ĝin. — En la suda parto de la parko oni trovas la naturhistorian muzeon (konstruita 1941). Tiu muzeo estas unu el la plej grandaj en la nordo.

„La malnova urbo" (Den gamle by) estas muzeo, kiu malfermiĝis en belega, malnova parko en la jaro 1914. Ĝi havas ĉ. 45 ege malnovajn domojn, kiuj estas aranĝitaj en urbplano kun foirejo, stratoj, malgrandaj placoj kaj stratetoj. La tuto donas validan urbbildon de la 17-a jarcento. „La malnova urbo" ĉiujare estas vizitata de ĉ. 80000 turistoj el la tuta mondo. Ankaŭ vi devas viziti ĝin.

En Aarhus estas multaj aliaj vidindaĵoj pri kiuj oni povas skribi, ekz. la doganejo, la teatro, la bibliotekoj, la grandaj kaj modernaj hospitaloj, la astronomia observatorio k.t.p. Krome troviĝas en kaj ekster la urbo multaj belegaj parkoj, granda stadiono kaj zoologia ĝardeno. El la parkoj mi mencias „La memorparkon" (Minderparken) kie estas monumento pri tiuj en la unua mondmilito falintaj danoj. De la parko estas videbla la reĝa somerkastelo Marselisborg kaj la blua Aarhus-golfo.
Jes, fakte oni povas diri, ke Aarhus havas ĉion, kio estas dezirinda, sed pli bone estas, ke vi mem venos por vidi.
Aarhus vokas vin kaj atendas vin. Estu kore bonvena en Danio.

K. STAMPE



## DUA KONGRESA BULTENO
## Decembro 1957



10-a (jubilea) I.F.E.F.-KONGRESO EN AARHUS, DANIO, DE LA 10-16-a DE MAJO 1958.

**Adreso:** 10-a I.F.E.F.-kongreso, poŝtfako 200, Hovedpostkontoret, Aarhus, Danio.

**Bankkonto:** 10-a I.F.E.F.-kongreso, Arbejdernes Landsbank, Aarhus, Danio.

| | |
|---|---|
| **Protektanto:** | S-ro Søren Olesen, ministro de internaj aferoj. |
| **Honora prezido:** | S-ro Sv. Unmack Larsen, urbestro, prezidanto. |
| | „ P. E. N. Skov, ĝeneraldirektoro de DSB, prezidanto. |
| **Anoj de la prezido:** | S-ro S. Haldbo, distriktĉefo de DSB. |
| | „ H. V. J. Holst, supertrafikinspektoro. |
| | „ P. A. Pedersen, ĉefo de la centra riparejo. |
| | „ P. S. Kristensen, ĉefo de la stacio Aarhus. |
| | „ Bernard Jensen, urba konsilanto. |
| | „ E. Svendsen, prezidanto de faka sindikato. |
| | „ E. Greve Petersen, prezidanto de faka sindikato. |
| | „ Hj. Jensen, prezidanto de faka sindikato. |
| | „ P. Madsen, prezidanto de faka sindikato. |
| | „ N. M. Andersen, prezidanto de la kleriga asocio. |
| | „ J. Christiansen, prezidanto de la kleriga asocio. |
| | „ Henry Klein, prezidanto de Sport-asocio de la Danaj Fervojoj. |

## PROGRAMO DE LA KONGRESO:

10/V je 08,00 Malfermo de la akceptejo en la stacidomo kaj en kongresejo.
„ „ 15,00 Kunveno: IFEF-estraro kaj LKK (ruĝa ĉambro, kongresejo).
„ „ 20,30 Interkonatiĝa vespero, granda salono, kongresejo.

---

11/V je 09,30 Solena malfermo de la kongreso, urbdoma halo.
„ „ 11,30 Komuna fotografado, antaŭ la urbdomo.
„ „ 14,00 Kunveno: IFEF-estraro kaj landaj delegitoj, blua ĉambro, kongresejo.
„ „ 15,00 Urba rondveturado.

---

12/V je 09,00 Laborkunsido, granda salono, kongresejo.
„ „ 09,30 Sinjorina ekskurso.
„ „ 14,00 Laborkunsido, granda salono, kongresejo.
„ „ 14,30 Sinjorina ekskurso.
„ „ 20,00 Festvespero, urbdoma halo.

---

13/V je 09,00 Laborkunsido, granda salono, kongresejo.
„ „ 09,30 Sinjorina ekskurso.
„ „ 14,00 Fakaj Prelegoj, granda salono, kongresejo.
„ „ 14,30 Sinjorina ekskurso.
„ „ 20,00 Amuza vespero.

---

14/V je 09,00 Kunveno: Terminara komitato, blua ĉambro, kongresejo.
„ „ 09,00 Evt. laborkunveno.
„ „ 14,00 Privata filmprezentado, blua ĉambro, kongresejo (vidu sube!).
„ „ 20,00 Filmvespero, granda salono, kongresejo.

---

15/V je (?) Tuttaga ekskurso al Ringkøbing — Hvide Sande.

---

16/V je (?) Vizitoj en fabrikoj.
„ „ 20,00 Kongresbalo, solena fino de la kongreso kaj SURPRIZO.

---

### Ĝeneralaj informoj:

**Korespondado:** Uzu nur Esperanton. En landoj, kie estas IFEF-sekcioj, LKK petas la sekciojn kolekti la korespondaĵojn de sia sekcio por faciligi kaj malmultigi la korespondojn. Izoluloj, skribu rekte al LKK!

**Poŝtadreso:** 10-a IFEF-kongreso, poŝtfako 200, Hovedpostkontoret, Aarhus, Danio.

**Kiel pagi:** Rekte al nia bankkonto: 10-a IFEF-kongreso, 5130, Arbejdernes Landsbank, Aarhus, Danio, aŭ al via landa IFEF-sekcio, delegito.

**Kotizo:** La kotizo inkluzivas pagon al ĉiuj aranĝoj, ankaŭ la vesperaj. Ekstra vi pagu por nur la tuttaga ekskurso kr. 18,00, kiu sumo inkluzivas: Aŭtobuson, lunĉon, kafon kaj tagmanĝon.

**Aliĝilo:** La aliĝilo estas grava dokumento. Do, notu ĉion klare kaj preslitere! Vi faciligas la laboron por LKK kaj evitas multajn ĉagrenojn, se vi atente tralegas la aliĝilon kaj notas ĉion akurate. Dankon!

**Limtago:** Limtago por aliĝo estas la 15-a de aprilo 1958.

**Kongresejo:** La kongresejo troviĝas en HAANDVÆRKERFORENINGEN, Klostergade, al kiu estas 15 minuta promenado de la stacidomo, aŭ 5 minuta veturado per tramo: linioj 1 kaj 2. Vidu la kongreslibron! En la kongresejo troviĝas: poŝtoficejo kaj monŝanĝejo, librovendejo, informejo k.t.p.

**Loĝado:** 1 lita ĉambro en bona hotelo kostas d.kr. 15—16; 2 litaj ĉambro d.kr. 13—15 po lito kaj 3—4 litaj ĉambro d.kr. 11—13 po lito.

**Ĉi tiuj prezoj inkludas matenmanĝon kaj servmonon.**

Kelke da senpagaj litoj ĉe Esperantistoj estos riceveblaj, precipe por tiuj, kiuj ne rajtas kunporti sufiĉe da mono pro valuta restrikto.

**Fervojrabato:** La dana fervojadministracio (DSB) donas al familianoj de aktivaj fervojistoj 50 % rabaton al ĉiuj landaj fervojistoj, kiuj estas sub la konvencio kaj senpagan bileton al la fervojistoj mem. En landoj, kie la fervojo ne donas 50 % rabaton al familianoj, oni devas peti sian propran direkcion pri la biletoj; sed estas malfacile ricevi la rabaton.

**Vojaĝraŭto:** De suda Eŭropo oni petu bileton: Padborg-Aarhus kaj reen. De orienta Eŭropo oni petu la saman distancon; sed, se ne estas eble al la orient-eŭropaj kolegoj vojaĝi tiun direkton kaj devas vojaĝi trans Warnemünde-Gedser, ili petu bileton: Gedser-Kopenhago-Aarhus kaj reen.
La skandinavaj kolegoj petu bileton: Helsingør-Kopenhago-Aarhus-Ringkøbing, aŭ: (tra Malmö) Kopenhago-Aarhus-Ringkøbing.
Estas egale, ĉu oni vojaĝas tra Fredericia aŭ tra Kalundborg, kaj per ŝipo al Aarhus. Se estus kelkaj, kiuj ŝatus la direkton: Göteborg-Frederikshavn-Aarhus kaj reen, ni petas memori, ke oni mem pagu la bileton por la ŝipo Göteborg-Frederikshavn.

**Informejo:** Informejoj troviĝos en la stacidomo la alventagon, kaj ĉiutage dum la kongreso en la kongresejo.

**Manĝo:** Estas eble manĝi en la kongresejo je modesta prezo, kaj ni tial rekomendas mendi manĝkuponojn sur la aliĝilo.
Krome estas eble en specialaj kafejoj (kaffebar) ricevi manĝojn por prksm. 3 kr., sed estas memservado (vidu la kongreslibron).

**Vizo:** Vizo al Danlando estas necesa nur al la kolegoj, kiuj loĝas en landoj, kiuj mem postulas vizon. La vizo estas ricevebla en la danaj konsulejoj aŭ pere de la vojaĝoficejoj. Petu sufiĉe frue la vizon por eviti ĉagrenon koncerne la tempodaŭron. Skribu en la peto pri vizo, ke vi partoprenos la „Fervojistan Internacian Esperanto-kongreson" en Aarhus, ĉar ni atentigis la fremdul-policon pri tio.

**Kongreslibro:** Kongresa libro estos sendita al ĉiuj kongresanoj en aprilo, tiel ke ĉiu partoprenonto ekscios pri ĉiuj aranĝoj antaŭ la alveno. (Vi do anoncu vin sufiĉe frue!!!)

**Malnovaj kongreslibroj kaj insignoj de la antaŭaj kongresoj estos vendataj je profito al IFEF-Bulteno, se vi bonvolus kunporti ilin. Tuj je alveno transdonu ilin al la Libro-Servo!**

**Tombolo:** L.K.K. aranĝas tombolon en la kongresejo, al kiu ni petas ĉiujn kunporti donacojn. Kaj ni petas tiujn, kiuj ne venos al la kongreso, sendi ion, povas esti libroj aŭ specialaĵoj de via lando, kion oni ne trovas en aliaj landoj. Kaj bone atentu ke la tuta profito iros en la kason de IFEF, sed nur favore al IFEF-Bulteno, ĉar ni ne plu riskos ke la redaktoro sonĝe fantazias dum la noktoj. **Do memoru: se la donaco estas eta aŭ granda, la redaktoro estas same danka!!**

**Simpatianoj:** Ĉiu simpatianto, kiu estos paginta la kotizon, ricevos la kongreslibron kaj insignon.

**Kongresa glumarko:** L.K.K. eldonis kongresan glumarkon kun la trikolara kongresinsigno. *Ĝi jam estas aĉetebla; se vi sendos unu internacian respondkuponon, vi ricevos 25 pecojn.* Aŭ vi povas antaŭmendi tiom, kiom vi deziras je via alveno en Aarhus.

Mon-kurzoj notitaj en novembro 1957: unu dana krono (kr) = 100 ore.

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Alĝerio | 100 frc | = | **1,30 kr** | *Hungario* | 100 *forint* | = | ? *) |
| Aŭstralio | 1 funto | = | 14,00 „ | Italio | 100 lire | = | 1,07 kr |
| Aŭstrio | 100 sch | = | 25,65 „ | Japanio | 100 yen | = | 1,30 „ |
| Belgio | 100 frc | = | 13,60 „ | Jugoslavio | 100 din | = | 1,50 „ |
| Britio | 1 funto | = | 17,95 „ | Marokko | 100 frc | = | 1,30 „ |
| Bulgario | 100 lewa | = | ? *) | Nederlando | 100 gld | = | 180,00 „ |
| Ĉeĥoslovakio | 100 koruna | = | ? *) | Norvegio | 100 kr | = | 95,00 „ |
| Finlando | 100 mark | = | 1,75 kr | Polio | 100 *zlot* | = | 3,00 „ |
| Francio | 100 frc | = | 1,35 „ | Portugalio | 100 escuds | = | 23,08 „ |
| Germanio | 100 DM | = | 163,29 „ | Rodezio | 1 funto | = | 16,00 „ |
| Germanio | 100 OM | = | 32,00 „ | Sovetio | 100 rubel | = | ? *) |
| Grekio | 100 drkm | = | 22,00 „ | Svislando | 100 Sv.frc | = | 156,58 kr |
| Hispanio | 100 psts | = | 12,00 „ | Svedio | 100 kr | = | 131,50 „ |
| | | | | Usono | 1 dolaro | = | 6,82 „ |

*) Tiuj kurzoj estas ne-notitaj en Danlando. La aliaj kurzoj povas ĉiusemajno ŝanĝiĝi, sed nur kelkaj centonoj.

**Privata filmprezentado:**

Ĉar kelkaj kolegoj deziras montri filmon kaj lumbildojn, ni fiksis la tempon por tio la 14-V je la 14-a horo. Sed ni petas la prezentontojn tuj je la alveno anonci sin en la informejo por difinitivaj aranĝoj.

La L.K.K.

## LA TUTTAGA EKSKURSO

de la 10- IFEF-kongreso okazos tiamaniere, ke ni per ekstra trajno veturos tra la tuta Jutlando preter Skanderborg, Silkeborg, Herning, Skjern al Ringkøbing. De Ringkøbing ni per aŭtobusoj veturos al la okcidenta maro, kiun ni sekvos ĝis kiam ni atingos Hvide Sande, kie ni vidos la kluzojn inter Ringkøbing fjordo kaj la maro. Post tio ni veturos al la banloko Søndervig, kie ni i.a. tagmanĝos. Mi supozas, ke multaj el niaj gekolegoj neniam antaŭe vidis la grandan maron, kaj precipe la grandiozan kaj karakterizan naturon kun miloj da dunoj. LKK rekomendas vin ĉiujn partopreni la tuttagan ekskurson.

K. STAMPE

## TAGORDO DE LA LABORKUNSIDOJ

1. Malfermo.
2. Ricevitaj salut- kaj aliaj leteroj.
3. Rimarkigoj pri la kongresraporto en Rijeka.
4. Pritrakto de la jarraportoj.
   a de la sekretario.
   b de la kasisto.
   c de la redaktoro.
5. Pritraktado de la kongresproponoj.
6. Estrar-elekto.
   Nereelekteblaj estas: prezidanto, kasisto, kaj asesoro Drijfhout.
7. Elekto kaskontrola komitatano.
8. Elekto konflikta komitato.
9. Elekto de la kongresloko en 1959 kaj la provizora en 1960.
10. Libera diskutado.
11. Fermo de la laborkunsidoj.

La IFEF-estraro kandidatigas por la funkcio de prezidanto kolegon K. G. J. de Jong, de kasisto E. R. Oosterwijk, de redaktoro H. Hoen kaj de asesoro Joh. Poptie.
Vakaj estas ankoraŭ du lokoj.
La landaj sekcioj kaj izolaj membroj povas ensendi nomojn de kandidatoj ĝis antaŭ la komenco de la laborkunsidoj.

**Proponoj**

1. De la IFEF-estraro:
   Ni fiksu la kotizon je Ned. guldenoj 1,50 jare.
   Komentoj en la kongreso.
2. De F.F.E.A. Francio:
   La temo de la fakprelegoj estu diskonataj almenaŭ unu jaron antaŭ la kongreso dum kiu ĝi estos pritraktata.
3. De F.F.E.A. Francio:
   En la venontaj jaroj la esperantistaj emerituloj fariĝos pli multnombraj, pro tio la estraro de I.F.E.F. povus petigi al U.I.C. (Internacia Unuiĝo de Fervojoj) senpagan internacian bileton por la partoprenado de la emerituloj al la jara internacia kongreso de IFEF.

Se tiu peto ne estas akceptata de tiu organismo, oni petu por la emerituloj la „Karton de Legitimacio" je ½ tarifo eksterlande (tiun internacian karton presitan kvarlingve povas ricevi ĉiuj aktivuloj ekde la 1a de majo 1957 kaj kostas 100 francajn frankojn).

4. De F.F.E.A. Francio:

Kreado de koresponda servo inter la fervojistaro.
Komentario:
La ĉefa celo de tiu propono estas havigi al la novaj lerantoj adresojn de seriozaj korespondantoj.
Kutime ĉe la fino de iu kurso la profesoro disdonas al siaj kursanoj adresojn ĉerpitajn el gazetoj. Bedaŭrinde tro ofte respondoj ne alvenas pro kadukeco de tiuj adresoj, kio estas seniluziiga por la lernantoj. Pro tio estas necese ke almenaŭ en la komenco la korespondado inter diverslandaj lernantoj estu gvidata kaj kontrolata.

5. De G.E.F.A. Germanio:

La germana landa asocio proponas ŝanĝi la art. 16 de la kongresregularo laŭ jena teksto:
16. Por altigi la fakan kaj kulturan nivelon de la kongreso, la programo enhavu fakan prelegon.
La fakprelego nur celas informi kaj progresigi la anojn de IFEF kaj ĝi ĝenerale prezentu la opinion de unuarangaj fakaj eminentuloj de la koncerna lando.
Politikaj aŭ sindikataj temoj estas malkonvenaj.
Por la aranĝo de la fakprelegoj validas jenaj reguloj:
a) Organizado kaj gvidado de la prelego estas komisiataj al la LKK, kiu zorgas pri senriproĉaj, bonordaj prilaboro kaj prelego.
b) La enhavo de la prelego temu pri ĉiuj **ĝeneralaj interesaĵoj** de la fervojoj en la gastiganta lando, ekzemple evoluo de la fervoja reto, ŝtataj aŭ privataj fervojoj, konkuro de l' aŭtobuso kaj de la ŝarĝaŭtomobilo, rilatoj al perrivera kaj aera trafikoj, evoluo de la vagon- kaj lokomotivkonstruado, rapideco, tarifoj, horaroj, elektrecigo, socialaj instalaĵoj ktp.
c) La prelegteksto estu multobligata kaj distribuata al la estraro (6 ekz.) kaj al la delegitoj (po du ekz.) dum la kongreso. Ĝi krome estu publicata plej malfrue en la dua postkongresa IFEF-Bulteno.

**Komentario:** La ĝis nun faritaj spertoj postulas serĉi alian metodon por niaj fakprelegoj tiel, ke ili koncernas la regulojn de la kongres-regularo. Tie estas fiksita, ke „la fakprelegoj nur celas informi kaj progresigi la anojn de IFEF kaj ili ĝenerale prezentu la opinion de unuarangaj fakaj eminentuloj de la koncerna lando". Oni ne povas supozi, ke ĉiuj landoj disponas pri tiaj raportoj altvaloraj aŭ ke ili sukcesas trovi fakulon, kiu estas preta, verki tian artikolon. Krom tio estas eksterordinare malfacila, ja oni povas diri nesolvebla tasko, koordini la raportojn pri la sama temo senditajn de la diversaj landoj kaj formuli el ili prelegtekston kun alloga nivelo. Male ni opinias, ke en ĉiu gastigonta lando estos eble, ellaborigi kontentigan tekston pri la propra stato kaj ke la kongresanoj volonte aŭskultos tiun ja ĉiujare samteman prelegon kun tamen ĉiam nova, aktuala enhavo. Oni povas taksi, ke pasos 10 ĝis 12 jaroj, ĝis kiam ĉiuj landaj asocioj estos pregintaj pri la temo. Poste verŝajne la kolektitaj spertoj permesos novan trakton de la problemo.

**TAGORDO DE LA ESTRAR- KAJ DELEGITARA KUNVENO**

1. Malfermo.
2. Klarigoj pri la ŝanĝoj en la IFEF-estraro.
3. Raportoj de la landaj delegitoj.
4. Sugestoj pri la gvidado de IFEF kaj la formo kaj titolo de Bulteno.
5. Eventualaj rimarkigoj pri la kongresproponoj.
6. Proponoj pri novaj punktoj por la laborkunsidoj.
7. Libera diskutado.
8. Fermo.

**KUNVENO DE LA TERMINARA KOMITATO**

1. Malfermo.
2. Raportoj de la landaj kunlaborantoj pri la farita laboro.
3. Sugestoj pri nova tasko.
4. Libera diskutado.
5. Fermo.



## NIAJ EMERITULOJ ATENTU! ATENTU!

Dum la pasintaj jaroj la IFEF-estraro ricevis regule petojn pri senpagaj biletoj por la emerituloj por ke ankaŭ ili povu partopreni niajn kongresojn internaciajn.

Dum la jarkunveno de nia Franca sekcio, F.F.E.A. la prezidanto de FISAIC, S-ro M. Mollion, informis la ĉeestintojn pri la jeno:

La emerituloj kiel eble plej baldaŭ sendu peton pri senpaga bileto por viziti nian jubilean kongreson en Aarhus al la respondeculo de la FISAIC en siaj landoj. La peto indiku nomon, antaŭnomon, adreson, rangon kaj oficadreson de la emeritulo.

Rekomendinde estas, ke oni sendu la petojn al la estraro de la landa IFEF-sekcio, kiu forsendu la petojn al la koncerna respondeculo de la FISAIC en sia lando kaj samtempe kopion de la petoj al nia Franca sekcio, F.F.E.A., 11 rue de Milan, Paris 9e, Francio.

FFEA transdonos la kopion al S-ro Mollion. Agu do senprokraste!

Samtempe ni konsilas al niaj emerituloj nur peti la koncernan bileton se la decido iri al Aarhus estas definitiva kaj ne lastmomente estos ŝanĝata pro iaj motivoj. S-ro Mollion forte pledis por tiu favoraĵo en la kunvenoj de la FISAIC por niaj emeritaj kolegoj, sekve ni agu saĝe!

La sekretario de I.F.E.F.

## LA FEVOJISTOJ PLEJ BONE POVAS DIVASTIGI ESPERANTON

Ĉiu fervojisto kiu estas Esperantisto havas superon por propagandadi ĉie la internacian helplingvon Esperanto. Inter la laborista klaso estas la fervojisto, kiu deĵorante iras diversajn lokojn enlande, kaj ankaŭ senpage povas vojaĝi eksterlanden.

Do, havante tian superon kaj estante lerta kaj klera, li povas klarigi Esperanton al siaj kolegoj kun kiuj li deĵoras. Sed por fari tion oni unue devas senti en sia koro kaj sia menso fratiĝon al la tuta laboristaro.
Espriminte tiel, mi estas unu el tiuj, kiuj diras ke Esperanto estas deca por la tuta homaro, kiu nun bezonas pacon, kiun oni povas atingi per granda disvastigo de pura fratiĝa idealo kiel estas Esperanto.
Dum mia juneco mi konis homon kiu ankaŭ estis fervora Esperantisto, plie fervojisto. Li estis lokomotivestro. Vespermanĝinte post sia tagdeĵorfino li, anstataŭ iri ian kaftrinkejon por kartludi, kies inklinado estis en multaj fervojistoj tiam, li iris en privatan domon, kie jam estis atendantaj 6 aŭ 8 amikoj por lerni Esperanton, kies instruisto estis la atendato.
Tiu fervojisto nun jam estas pensiita. Lia aĝo estas 64 jaroj, sed li tamen ĉiam estas preta iri ĉien kiel apostolo de la Zamenhofa ideo. Ĉiu-sabate dum du horoj vespere li klarigas Esperanton al kelkaj fervojistoj el kiuj jam iuj estas lertaj je Esperanto, kaj du jam gvidas mem esperantan kurson.
Ĉiun dimanĉmatenon li iras vilaĝon en la proksimeco de Barcelono, kie li klarigas Esperanton al infanoj kaj gejunuloj, el kiuj estas kelkaj kiuj jam interkorespondadas kun eksterlando.
Estas vere, ke kelkaj fervojistoj ne povas propagandadi nian karan lingvon, ĉar ilia deĵoro ne permesas tion, sed estas aliuloj kiuj vespere havas liberajn horojn, el kiuj ili povus profiti almenaŭ unu horon lernante aŭ instruante la pacilon kia estas Esperanto.
En Hispanlando la fervojistoj ne havas multajn liberajn horojn, ĉar ili devas labori eksterordinarajn horojn por povi sin nutri kaj vesti, sed malgraŭ tio estas iuj, kiuj estas fervoruloj ĉe la internacia esperanto-movado.
Por fini mi devas raporti ion pri kiam la menciitan maljunan pensiitan lokomotivestron oni forbalais el la fervojaro.
En la unua tago de ripozo li penis kaj klopodis por enirigi Esperanton en Kooperativon en kies proksimeco li loĝas.
Li sukcesis, kaj nun 5 jarojn post kiam oni faris la unuan esperanto-kurson, oni povas diri ke ĝi estas la esperanto-grupo, kiu havas pli da gelernantoj ol tiuj de Barcelono.
Leginte tiun artikoleton vi devas imiti tiun hispanan lokomotiviston.

Taime Miro el Barcelono, Hispanio.

## KORESPONDETOJ

Fervojisto deziras korespondi kun kolegoj en ĉiuj landoj kaj interŝanĝi poŝtmarkojn, speciale fervojajn poŝtmarkojn. Skribu al Z. J. Buurkes, Lex Althofstraat 5-I, Amsterdam (W), Nederlando.
I.F.E.F.-anoj atentu!!!
D.E.F.A. nun starigis korespondservon. Tiuj, kiuj deziras korespondi kun danaj gekolegoj povas sin turni al tiu korespondservo. Skribu detale pri viaj koresponddeziroj, temo, aĝo, profecio, ktp.
Estu tiel bonvola enfermi respondkuponon, la adreso estas: J. K. Petersen, Midelfartsvej 191-III, Odense, Danio.
Ni opinias, ke ni pli bone povos servi al niaj eksterlandaj gekolegoj kaj danaj anoj per tia servo, kiu ja povas ligi la fadenojn, tiel ke adresoj ne perdiĝos kaj kolegoj kaj anoj seniluziiĝu pro manko de korespondkontakto.

En JEFA, la Jugoslava IFEF-sekcio, fondiĝis sekcio de Terminara Komitato, kiu konsistas el jenaj personoj:

1. Inĝ. Švagel, Direktoro de Fervoja Instituto ĉe Ĝenerala Direkcio J.Z.
2. Stojnic V. Stevan, emerita ferv-esperantisto kiel ĉefkonsilanto.
3. Zupanic Josip, redaktoro de Jugoslavia Fervojisto.
4. Inĝ. Ludoviko Sekereŝ, administranto kaj teknika sekretario.
5. Pavlic Ivan, Ljubljana, sekr. de urba trafika apartaĵo.
6. Okrupa Štefan, Ljubljana, oficisto por Internacia horaro.
7. Lastevic Jovan, Novi-Sad, konstruteknikisto ĉe la fervojoj.

La loko por maŝin-faka tradukado restis vakanta. La tuta sekcio estos sub la oficiala protektado de Fervoja Instituto kaj ĝiaj U.I.C. membroj.

## UNUA JARKUNVENO DE LA GERMANAJ FERVOJISTOJ-ESPERANTISTOJ (GEFA)

La estraro de GEFA invitis la fervojistojn esperantistajn el la Germana Federacia Respubliko al unua jarkunveno por la 12a kaj 13a de oktobro al Fulda. La nombro de la partoprenantoj — partoprenis proksimume 100 gekolegoj — pruvis, ke la kunveno kun landkongresa karaktero konformis al la deziro de la GEFA-anoj.

La prezidanto, kolego Giessner, sabate posttagmeze bonvenigis per afablaj vortoj ĉiujn ĉeestantojn, inter ili s-ro Rummel, jam internacie bone konata pro lia regula partopreno en niaj kongresoj kiel oficiala reprezentanto de l' Sociala Organizo Fervoja. Al li kolego Giessner kore dankis pro la multflankaj helpo kaj subteno, kiujn li dediĉis al nia asocio. S-ro Rummel siaflanke kore dankis al nia prezidanto Giessner pro lia oferema kaj nelacigebla laboro por nia movado, akcentis la gravecon de nia lingvo precipe por la fervojistoj, stimulis al pli intencaj klopodoj varbi anojn, por plifortigi nian asocion, kaj certigis la apogon de la Sociala Organizo.

Per fortaj aplaŭdoj la aŭskultantoj dankis al ambaŭ parolintoj, kiuj evidente esprimis ties proprajn opiniojn.

Sekvis parolado de la prezidanto, kiu unue klarigis la celon de la kunveno, nome ebligi personajn kontaktojn kaj interdiskuti organizajn aferojn. El lia parolado estis rimarkindaj jenaj pensoj: Por la fervojistoj Esperanto ne estas celo por si mem, ĝi devas helpi enprofundigi faksciojn, ebligi ne nur interkonatiĝon kaj interrilatojn trans la landlimojn, sed veran reciprokan komprenon. Precipan atenton kaj traktadon meritas niaj fakprelegoj. Grave estas, ke ĉiuj Esperantistoj kunlaboru ĉe niaj fakbultenoj, tiuj kiuj ne kapablas mem skribi artikolojn, almenaŭ traduku pli gravajn sciigojn kaj artikolojn el la naciaj fakbultenoj. Bedaŭrinde ankoraŭ mankas fakvortaro, kiu faciligus tiun laboron. Ĉiu pripensu, kiamaniere eblas kontaktoj inter fervojo kaj Esperanto. Ĉiu estu unue fervojisto kaj due Esperantisto, ĉar la agnosko kiel Esperantisto antaŭkondiĉas rekonon kiel fervojisto flanke de la superuloj. Esperanto estas pli ol tempopasiga amuzaĵo. Fine li anoncis, ke ni kunvenos ĉiujare en ĉiu tiu nacia kadro.

Kolego Barnickel, la fakulo por varbado en nia estraro, kiel dua parolinto elmontris eblecojn por disvastigado kaj praktikado de Esperanto. Instigoj varbi anojn, klopodoj aplikadi Esperanton flanke de la fakaj sekcioj de la Sociala Organizo sur la internacia tereno, utiligi Esperanton por la vojaĝtrafiko kaj per tio interesigi la fervojajn administraciojn por

Esperanto kaj kiel fincelon atingi, ke nia lingvo fariĝu unusola, oficiala lingvo inter la administracioj fervojaj de ĉiuj landoj estis la temoj le lia parolado. Laste li menciis rimarkindajn realigojn tiurilatajn kaj postulis pli intensan aktivecon.
Sekvis vigla, fruktedona diskuto pri ambaŭ paroladoj.
Post komuna manĝado en la fervoja kantino la partoprenantoj denove kolektiĝis en la fervoja instruejo je la 20,30a horo. Estis unue prezentata originala sonbendkapto pri la UEA-Kongreso en Marseille kun partoj el la dumkongresaj paroladoj kaj la tuta festparolado de profesoro Lapenna, aplaŭde akceptita.
Kiam nun nia prezidanto G. anoncis la unuan prezentadon de Esperanto-sonfilmo „Vojaĝo al Marseille", kvazaŭ regis solena atmosfero, intermiksitaj kun scivolemo, fiero kaj spirita maltrankvilo. Ĉi tiu filmo, en larĝeco de 16 mm, kun daŭro de ĉirkaŭ unu horo, estas verkita de germanaj fervojistoj esperantistaj en kunlaboro kun membroj de la Esperanto-grupo Braunschweig. Ĉar la aliaj varbfilmoj (Aŭstralio, Danio kaj Novzelando) nur estas esperantingve sinkronizitaj, ĉi tiu filmo estas la unua originale parolata en Esperanto. Ĝi estas parte ludfilmo parte raporto kaj montras la alkongresajn vojaĝojn de germana fraŭlino kaj ties nederlanda korespondamiko ĝis la renkontiĝo ĉe la „Rendevua Tabulo" en Marseille; plie ĝi enhavas travivaĵojn dum la kongreso kaj bildojn pri deĵorantaj fervojistoj, fervojaj instalaĵoj kaj pri pejzaĝoj en konekso kun la vojaĝo kaj originalajn partojn el la kongresaj aranĝoj, interligitaj per ĝojigaj roloj, luditaj de ĉarmaj geaktoroj esperantistaj.
Per longdaŭra aplaŭdo la gekolegoj dankis pro la prezentado al la geaktoroj kaj kreintoj de ĉi tiu filmo. Konsiderante, ke la filmo estas verkita kaj ludita de laikoj per tre limigitaj rimedoj kaj sub malfacilaj cirkonstancoj, ĝi kompreneble ne estas komparebla kun filmoj el filmartejoj, ankaŭ pro tio, ke ne estas eble, fari kopiojn, kiuj ebligus pli bonan prezentadon. La produktintoj intencas, krei helpilon por grupvesperoj, instigilon por viziti internaciajn kongresojn, altiri simpatiantojn kaj konvinki dubulojn pri la taŭgeco de Esperanto kiel helplingvon, kaj por tiuj celoj la filmo certe bone taŭgas, ĉar la ilustre prezentitaj gajaj scenoj el Esperantujo pli bone konvinkos ol longaj paroladoj. Estas intencite, ĉe pruntedonoj aldoni flugfoliojn enhavantaj klarigojn en naciaj lingvoj por ne esperantistoj. Do la esperantistaro nun havas unikan varbilon; por ke ĝi sukcese efiku, nur estas necese, ke la landaj kaj fakaj grupoj uzu ĝin. Tio ankaŭ estus la plej bona danko al la verkintoj pro iliaj entreprenemo kaj oferemo por nia komuna idealo. La kondiĉoj pri la pruntepreno estos publicitaj en venontaj Esperanto-revuoj.
Post la filmprezentado la gekolegoj ankoraŭ pasigis horeton en la kantino, babilante, kantante, ŝercante ĝis pasis noktmezo.

Dimanĉon antaŭtagmeze, post laborkunsido de la Estraranoj kaj grupestroj, sekvis gvidado tra la belega barok-urbo Fulda, fondita en la jaro 744. La katedralo (kun la tombo de Sankta Bonifatius), la kastelo kaj aliaj rimarkindaj konstruaĵoj enhavas belegajn pentraĵojn kaj aliajn arttrezorojn el pasintaj jarcentoj. Posttagmeze du fervojaj aŭtobusoj kondukis nin al barok-kastelo Adolfseck, situata en belega parko. Estis okazoj viziti la multspecajn, vidindajn artaĵojn en la kastela muzeo, babiladi ĉe kafo kaj kuko aŭ promenadi tra belega parkarbaro, kies multkolora foliaro brilis sub la subiĝanta suno.

Per tio finiĝis nia unua landa renkontiĝo en harmonio kaj ĉiuflanka kontenteco. Ĝi plifortigis nian fidon al nia asocio kaj stimulis al pli intensa aktiveco por nia idealo.
Laŭdon kaj dankon al niaj kolegoj Laŭtenbach kaj Weber el Fulda, kiuj tiel bonege preparis ĉi tiun vere sukcesan kunvenon.

D. JAEGER, Ffm

## ESPERANTUJO EN BILDO KAJ SONO

La partoprenintoj de la 42-a UK en Marseille certe ankoraŭ bone memoras la ruĝan aŭtomobilon kun la okulfrapa transparento „ESPERANTO — FILMO — GERMANUJO". De tiam la samideanoj kaj iliaj helpantoj de EFG ege penadis, por fini la komencian taskon. Post unua prezentaĵo antaŭ la germanaj esperantistoj fervojistaj la filmo ankoraŭfoje estas plibonigita en kelkaj detaloj, precipe en teksto kaj muziko. Nun ĝi atendas vin! La unua, originala, longdaŭra ESPERANTO-SONFILMO por ni, fakte por NI ĈIUJ estas preta. Brile sukcesis ĝiaj unuaj prezentaĵoj en la nuna definitiva formo. **„Vojaĝo al Marseille"** estas la titolo de tiu amatorfilmo. Laborgrupeto de germanaj esperantistoj fervojistaj en Braunschweig elpensis, pretigis kaj financis ĝin, venkinte sennombrajn obstaklojn. Simpla ludo de kelkaj esperantistaj aktoroj laikaj ĉirkaŭas **originalajn** scenojn, filmitajn dum la vojaĝo al Marseille kaj dum la kongreso mem. Multaj samideanoj revidiĝos kun si mem sur la ekrano, multaj aliaj eksentos emon, kunesti en tia internacia rondo kaj mem veturi al la belega lando ESPERANTUJO.

Esperantistoj! Nun vi havas vian propran sonfilmon. Bone utiligu ĝin! Kontribuu, multnombre mendante ĝin, ke ESPERANTO — FILMO — GERMANUJO almenaŭ parton de la enormaj elspezoj povos reenspezi, por ke ĝi povu daŭrigi sian laboron. Vi, nur vi dicedos pri tio, ĉu la moderna propagandilo FILMO konkeros sian lokon en Esperantujo aŭ nee.

La 16 mm larĝa filmo daŭras proksimume unu horon. Ĝi konsistas el nigrablanka sekurfilmo nebruligebla, unuflanke linitruita, kun magnetsonspuro sur la filmo mem. La luprezo estas por 1 prezentaĵo 30 GM, por 2 prezentaĵoj 55 GM, por 3 prezentaĵoj 75 GM, por 4 prezentaĵoj 90 GM kaj por 5 prezentaĵoj 100 GM.

Eventueale do estas rekomendinte, ke kelkaj kluboj komune prezentos la filmon plurfoje en sia teritorio. EFG petas, plej malfrue mendi la filmon 4—5 semajnojn antaŭ la planataj aranĝoj ĉe jena adreso, kie ankaŭ la lukondiĉoj estas riceveblaj: Rudi Biernath, Ackerstrasse 53, Braunschweig, Germanujo. EFG donis en siaj prezentaĵoj al ĉiu vizitanto multobligitan slipon kun koncizaj nacilingvaj klarigoj pri celo kaj enhavo de la filmo kaj pri la aktoroj. Modelo de tia slipo estos je dispono de la mendontoj, ankaŭ en Esperanto por esti tradukata en la koncernan nacian lingvon. EFG petas, nepre doni al la neesperantistoj tian slipon antaŭ la prezentaĵo.

### U.N.E.S.C.O.-NOVAĴOJ
### ANGLA-POLA STUDRONDO

En Londono okazis de la 10a ĝis la 20a de septembro 1957 angla-pola studrondo organizita de Unesko, kiu pritraktis la sociajn rezultojn de industriigo. Partoprenis proksimume 50 spertuloj el la du landoj. Ankaŭ Prof. D-ro Ivo Lapenna, Ĝenerala Sekretario de UEA, ĉeestis kiel Fratulo pri Internaciaj Studoj de la Londona Ekonomia Kolegio. Tiun kunvenon de sociologoj el du landoj industriigitaj en diversaj tempoj kaj laŭ diversaj manieroj proponis la polaj partoprenintoj en franca-pola studrondo okazinta dum la pasinta jaro en Parizo, sub aŭspicioj de Unesko.
Dum la daŭro de la londona studrondo, prelegis konataj spertuloj pri la brita ekonomio, kaj ankaŭ kvin polaj profesoroj alparolis la kunsidojn. Scienca preparado de la studrondo okazis sub la gvidado de Prof. Morris Ginsberg. Oni antaŭvidas novan studrondon pri similaj temoj en Varsovio dum 1958.

(Laŭ Unesco-Features kaj UEA-Informservo).